# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

10/10/2012 Sepdekoka Eldono 2012 12/10/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

## Parto kun hiperligiloj

## Klaku! KLAKU!



AŬSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION TAGE**



Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj.

Plibonigu vian Esperanton

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

http://peranto.posterous.com/esperanto-edzperanto-en-brazilo **ankaŭ** havas du filmetojn

Tre interesa eta filmeto Kiam estas trafiklumoj kaj kiam ne estas.

http://www.youtube.com/watch?v=hFOo3e0nxSI&feature=player_embedded

## AEA Informas

## LETEROJ sen devo klaki

# KVIZO KUN RESPONDOJ.DOC **Hazel Green**

Pro la 125-jubileo, mi disdonis kvizon pri Zamenhof kaj la eventoj de 1887. Mi promesis poste doni la respondojn sed, ho ve, tio ne okazis. Do mi esperas, ke Roger povos alligi la respondojn al ĉi tiu novaĵletero. Kaj mi sendas la demandojn mem en aparta dosiero, ĉar eble aliaj volos legi kaj pripensi la demandojn antaŭ ol vidi la respondojn.

## Kion vi scias pri infan- kaj junaĝo de d-ro Zamenhof kaj pri estiĝo de Esperanto?

### KVIZO kun respondoj



**1. Kiu estis la origina hebrea/jida nomo de Lazaro?**
Eliezer (hebree), Lejzer (jide)

**2. Kiel nomiĝis liaj gepatroj? Kaj kiom ili aĝis, kiam Lazaro naskiĝis?**
Marko Zamenhof, Liba Roĥla (Rozalio)
patro 22jara, patrino 19jara

**3. Kiom da gefratoj li havis? Kian aĝan pozicion li havis inter ili?**
Li estis la plej aĝa el inter 11 infanoj (el inter kiuj 2 mortis kiel suĉinfanoj)

**4. Kiujn lingvojn li parolis?**
denaske ruse (de la patro) kaj jide (de la patrino), tre baldaŭ flue ankaŭ pole kaj germane; sekve lernis la francan, anglan, latinan, grekan, hebrean - poste la italan, hispanan, litovan

**5. Kiuj estis la kvar ĉefaj naciecoj vivintaj tiam en Bjalistoko kaj kiuj el inter ili estis la plej multnombra?**
Judoj, poloj, germanoj, bjelorusoj – la plej multnombraj estis judoj



**6. Kiam la juna Lazaro komencis okupiĝi pri kreo de internacia lingvo?**
En 1873 en Varsovio, kien la familio transloĝiĝis kaj kiam li komencis frekventi gimnazion

**7. En kiu jaro pretis la unua versio de lia „Lingwe Universala“?**
1878

**8. Kiam kaj kial li alprenis la nomon Ludoviko?**
La nomon Ludoviko li elektis nur kiel 17jaraĝa kiel sian t.n. gojan (nejudan) nomon honore al angla pensulo kaj lingvisto Francis LODWICK (1619-1694), pri kiu li legis en verkoj de Komenio, kaj kiu estis i.a. aŭtoro de universala alfabeto kaj planlingvo.

**9. En kiu urbo li origine studis medicinon? Kaj kial ĝuste medicinon?**
En Moskvo – surbaze de deziro de sia patro por trovi sekve vivtenkapablan profesion. Medicino estis en tiama Rusa imperio unusola universitata fako, kiun judoj rajtis studi.

**10. Kial verŝajne lia patro forbruligis lian lingvoprojekton?**
Verŝajne ĉar li mem ne kredis la vivokapablon de la projekto kaj timis ridindigon de la familio kaj tion ke ĝi forprenos de Ludoviko tempon kaj energion koste je lia profesio. Krome en marto 1881 la rusa caro Aleksandro la 2-a estis mortigita dum atenco kaj politika situacio kaj naciisma kaj kontraŭjuda etoso senteble akriĝis. La patro supozeble timis, ke la materialo povus esti konsiderita kiel parto de la juda kontraŭcara konspiro.



**11. Kiam kaj kie li konatiĝis kun sia estonta edzino?**
En aŭgusto 1886 en Varsovio, kie ŝi restadis ĉe sia fratino

**12. Kiel ŝi nomiĝis kaj de kie ŝi devenis? Kio estis ŝia patro?**
Je 4 jaroj pli juna Kejla (Klara) Silbernik, filino de komercisto el proksima litovia Kaŭnaso

**13. Kiam kaj kie precize (en kiu eldonejo) aperis lia unua lernolibro?**
La 26-an de julio 1887 en la eldonejo Kelter

**14. Kiel ĝi nomiĝis kaj en kiu lingvo ĝi estis verkita?**
„Unua libro“ – la unua versio aperis en la rusa, sekvaj versioj en la pola, germana, franca, angla kaj pluaj lingvoj



**15. Kiel nomiĝis la lingvo kaj kiel subskribis sin la aŭtoro?**
„Lingvo Internacia“ – „Doktoro Esperanto“

**16. Kiu financis eldonon de la libro?**
Kun konsento de sia patro la fianĉino Klara du semajnojn antaŭ la geedziĝo oferis por la eldono grandan parton de sia doto

**17. Ĉu Zamenhof nomis sin aŭtoro de Esperanto?**

Jam en la „Unua Libro“ Zamenhof rezignis pri ĉiuj aŭtoraj rajtoj.
Li proklamis, ke li ne volas estis konsiderata kiel kreinto,
sed nura iniciatinto de la lingvo. Li alvokis legantojn, ke dum la jaro ili sendu al li siajn kritikojn kaj proponojn por eventualaj ŝanĝoj en la lingvo kaj sur ilia bazo li proponos la finan aspekton de la fundamento de la lingvo.



**18. Kiel nomiĝis lia plua verko, aperinta en 1888?**

„Dua Libro“

# LA AEA-JARKONGRESO 2012

## Kongresaj Spertoj de Margaret Chaldecott.



Estonte nova estraranino, kaj ne komprenante tiun SKYPE aferon, mi decidis iri trajne al Brisbano kun mia komputileto.

Estante malnova pensionulino, mi pagis multe malpli ol tiuj kiuj flugis. Mia amikino pruntedonis al mi sian valizon, de eble taŭga grandeco, sed la radoj estis ege malgrandaj, do mi decidis uzi mian butikumĉareton kiu havas pli grandajn radojn. Mi povis meti tiun apud mia seĝo survoje al Brisbano, kiu estis ege utile, ĉar mi ne povis ŝlosi ĝin kaj meti en pli publika loko. En tiu portilo mi metis la komputilon kun la diversaj dratoj, kaj la nomon de la hotelo.



Antaŭ ol la trajno alvenis al Hornsby, venis anonco ke pro iu stranga problemo, ni devas atendi - kaj atendi - kaj atendi! Ni fine perdis unu kaj duonan horon!

Dua problemo estis ke mi ne memoris la adreson de la hotelo, pensinte ke tio estis en William-Strato. Mi fine atingis ĝin kiam la aliaj estis sidante en taksio. Dianne petis min iri kun ili sed, estante ege laca, mi volis unue iri al la ĉambro por freŝigi min.



Survoje norden, rigardante tra la fenestro, mi rigardis la lunon kiu ŝajne vagadis dekstren-maldekstren - sed estas fakto ke la luno ne moviĝis, nur la trajno ŝanĝis direkton iomete, pro la serpentuma vojo. Mi miris al mi - Do, ĉu okazos io freneza dum la semajnfino?

Mi devis iri per privata taksio al la universitato. Strange, la sola taksio kiun mi vidis estis granda kun spaco por kelkaj personoj. Kosto? Preskaŭ $40!

La unua freneza afero!

Mi ĵus legis la 77an leteron de Roger kaj vidis ke David Astle estis parolinto - ho ve, kia granda bedaŭro, ke mi maltrafis!

Je la fino de la tago, ni serĉis lokon de kie ni povos iri per buso al la urbo. Por fari tion, ni devis iri trans la strato per ponteto, atingebla per lifto supren kaj denove malsuspren.

Venis la lifto - Max, sia helpanto kaj mi, eniris - klare tro malrapide, ĉar la pordo rapidege fermiĝis, frapante mian dorsosakon tiel forte, ke mi falis al la grundo. Mia unua penso estis pri la reklamoj en Sidnejo, ke oni devas zorge eniri la trajnojn, kaj ne strebi malfermi la pordojn.



La dua freneza afero!

Poste, la semajnfino pasis kun fortaj doloroj, kaj mi memoras nur malmulton, krom ke la sola bona afero estas ke oni instruis min pri SKYPE kaj Sandor jam parolis al mi.



Sciante ke ne estus sufiĉa tempo por la bezonataj diskutoj, mi kaj Nicole jam decidis resti tie dum plia nokto. Kaj, kia ĝojo, nun mi ne sidas kun la aliaj, sed estis en la stranga kajuto - por 3-personoj kun propra necesejo kaj duŝo trovita en la A-vagono de la unua klaso. Mi ne scias ĉu vi iam vidis tiujn. Estas seĝo por 3 personoj kun ebla lito supre; kaj inter 2 tiaj kajutoj, estas la necesejo. Ege bone, ĉar post la akcidento mi tute ne povintus vagadi laŭ la koridoro al kaj la necesejo kaj la bufedo.

Kaj nur hodiaŭ, sabatvespere, kiam la telefono sonis, estis la unua fojo kiam mi povis ellitiĝi sendolore. La radiografio montris nenian problemon pri la ripoj sed la sola videbla signo pri problemo pri la muskoloj estis kelkaj kontuzoj - kaj la terura dolorego kiam mi eĉ spiris. Mi devas aldoni, ke mi jam skribis plendleterojn al kaj la universitato kaj Courier Mail pri la liftpordoj.



Margaret Chaldecott

# LA REVUO ORIENTA

## Vizitu Sidnejon!

Nicole ELSE (Aŭstralio)

Mia nomo estas Nicole. Mi naskiĝis kaj edukiĝis en Francio. Je la aĝo de 6 mi eklernis Esperanton, ĉar miaj gepatroj, onklinoj kaj geavoj jam estis esperantistoj. Kiam mi estis 10-jara, vizitis nin Kimie, japana esperantistino. Ŝi tre afable donacis al mi sorobanon kaj ankaŭ instruis al mi kiel uzi ĝin (vidu foton).



Post la fino de miaj studoj mi edziniĝis al brita esperantisto kaj tiam mi parolis Esperanton ĉiun tagon hejme. Unue ni kune loĝis en Parizo, poste en Britio dum jaro kaj poste en Aŭstralio.

Mi ŝatas krei filmetojn kaj jam havas pli ol 100 sur Jutubo. Vidu ekzemple "Mia unua kiso". http://www.youtube.com/watch?v=TT12A-OIAuo

Ĝi estas 15-minuta filmo, kiu temas pri viro, kiu deziras retrovi junulinon, kiun li amis, kiam li estis adoleskanto. Ankaŭ eblas vidi mallongan prezenton de Sidnejo. http://www.youtube.com/watch?v=OjMXN_NuSQ8

Alia projekto, kiun mi nun faras estas la tradukado al Esperanto de infanrakontoj por la kompanio BookBox. Jam 6 el miaj tradukoj estas videblaj sur Jutubo, ekzemple "La palmarboj flustras". http://www.youtube.com/watch?v=-o3Tv3Hk7wY

Mi ŝatas lerni fremdajn lingvojn. Dum unu jaro mi studis la japanan lingvon ĉe Sidneja Universitato. Mi tre ŝatis tion, sed bedaŭrinde mia lingva nivelo en la japana estas ankoraŭ tre malalta. Mi verkis infanlibron en la angla lingvo pri fremdaj lingvoj, en kiu mi mencias interalie la japanan lingvon kaj Esperanton. La titolo de la libro estas *Foreign languages, what they don't often tell you* (Fremdaj lingvoj, pri kiuj oni ne ofte diras al vi). Vidu http://members.iinet.net.au/~nicolee/bookad.html

Dum la jaroj mi ofte uzis Esperanton dum vojaĝoj. Mi aldonas foton ekzemple de mi kun japano dum la Universala Kongreso en Stokholmo en 1980. Pasintjare mi uzis la pasportan servon en Kroatio. Bedaŭrinde mi ankoraŭ neniam estis en Japanio.




Mi nun estas vicprezidanto de la Esperanto-Federacio de Nova Sud-Kimrujo. La federacio posedas domon en Sidnejo, kaj ni tre kore bonvenigas japanajn samideanojn viziti nin kaj tranokti en la Esperanto-domo. Eblas tranokti tie senpage maksimume dum 2 semajnoj.

*La Revuo Orienta 2012 oktobro* -2-

# シドニーで お待ちしています

ニコル・エルセ
(オーストラリア)

私の名前はニコルです。フランスで生まれ育ちました。両親，おばたち，祖父母がエスペランチストだったため，6歳の時にエスペラントを学び始めました。10歳の時，日本人のキミエさん（s-ino MARKARIAN Kimie）が来ました。彼女は，親切にもソロバンをプレゼントしてくれて，その使い方も教えてくれました（前ページ写真）。

学校を卒業後すぐ，イギリスのエスペランチストと結婚し，家庭で毎日エスペラントで話しました。初めはパリに住み，その後1年はイギリスに，その後，オーストラリアへ移り住みました。

私は小映画を作るのが好きで，もう100以上の作品をユー・チューブに投稿しました。例えば，「ファースト・キス」（http://www.youtube.com/watch?v=TT12A-OIAuo）を見てください。これは，15分の映画で，思春期に好きだった女の人を探し出そうとする男の人を取り上げたものです。シドニーの紹介映画（http://www.youtube.com/watch?v=OjMXN_NuSQ8）もあります。

もう1つ，私が取り組んでいるのは，BookBox社のために童話をエスペラントに翻訳することです。すでに6つの作品がユー・チューブに公開されています。例えば，「ヤシの木がささやく」（http://www.youtube.com/watch?v=-o3Tv3Hk7wY）があります。

私は，外国語を学ぶのが好きなのです。シドニーの大学で1年間，日本語を学びました。私は，日本語がとても好きですが，残念ながら，私の日本語のレベルは高くありません。私は，英語で，外国語についての童話を作りましたが，そこには，日本語とエスペラントが登場します。その童話のタイトルは，「みんなの知らない外国語」（http://members.iinet.net.au/~nicolee/bookad.html）です。



何年もの間，エスペラントを使って旅行をしました。例えば，1980年のストックホルム世界大会での日本人と一緒の写真を紹介します。（前ページ写真）。パスポルタ・セルボを使って，クロアチアに旅行をしたこともあります。でも，残念ながら，日本にはまだ行ったことがありません。

私は，今，ニュー・サウス・ウェールズ州エスペラント連盟の副会長です。この連盟は，シドニーにエスペラントの家を持っていて，日本人エスペランチストのお越しをお待ちしています。最大2週間無料で泊まることができます。



**Esperanto-domo de Sidnejo**

（訳：桐生康生）

# LINGVISTIKA KONFERENCO EN LA UNIVERSITATO DE SIDNEJO

Pasintan dimanĉon mi veturis al la universitato de Sidnejo ĉar tie okazis lingvistika konferenco. La unua parolanto de la tago estis profesoro Ghil'ad Zuckermann el la Adelajda universitato. Multaj esperantistoj konas lin pro lia bona parolado en Esperanto dum la pasintjara inaŭguro de la ekspozicio en Adelajdo. http://www.youtube.com/watch?v=Vpy245eWJfE Tamen li ne vere estas esperantisto, sed li ja diris al mi, ke li subtenas Esperanton.




Mi montris al li la libron de Trevor Steele **Soaring with cockatoos** kaj li tuj volis foti ĝin. Do mi fotis lin kun la libro kaj li tuj sendis la foton al Trevor. Mi menciis Daniel Kane kaj Ghil'ad diris, ke li plurfoje vidis Daniel, sed tute ne sciis, ke li estas esperantisto.

Kiam mi alvenis en la universitato mi aŭdis iun diri "Saluton" al mi. Temis pri la frato de Jonathan Cooper, kiu fiere menciis al Ghil'ad, ke li havas fraton kiu prelegis en Esperanto pri moderna arto en Hanojo. Mi disdonis kelkajn faldfoliojn pri Esperanto. Unu el la ĉeestantoj diris, ke li ja posedas Teach Yourself Esperanto, komencis lerni, sed poste estis tro okapata. Virino el Hong Kong ne sciis multon pri Esperanto, sed montris intereson kaj diris, ke ŝi serĉos informojn en la reto. Unu partoprenanto diris, ke Esperanto ne taŭgas por angllingvanoj, ĉar ĝi havas akuzativon.

Mi ĉeestis prelegon de Rusino, kiu parolis pri skajpaj kursoj por la angla lingvo. Multaj rusoj ne sukcesas lerni la anglan sufiĉe bone en la lernejo kaj do poste elspezas monon por ekzerci paroli la anglan kun instruistoj sur Skajpo. La denaske angllingvaj instruistoj estas kutime pagataj pli ol la rusaj instruistoj eĉ se ili havas malpli da kvalifikoj. Eble venontjare mi prelegos dum tiu konferenco.

Sur la foto estas Ghil'ad Zuckermann kun unu el niaj faldfolioj

Raportas Nicole

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**

**Skribu, informu 198 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

# KLUBNOVAĴO





Jarkunveno de Esperanto-Federacio NSK okazos Dimanĉon 28-an de oktobro je 11atm en Esperanto Domo.
Je la 12ptm okazos BBQo kaj amuzaj programoj ĝis ĉirkaŭ 4ptm    Ĉiuj estas bonvenaj

Ĉu via klubo kunvenis? as?  os?
Maldetala informo sufiĉas.  Skribu al AE  rspring@tpg.com.au
Se eble sendu desegnon aŭ foton taŭgan por via grupo kun la raporto





# The English Section





Nur por mallongaj mesaĝoj por novuloj

